Kongresa numero 7.

„Mutig vorwärts!“ „Kuraĝe antaŭen!“

# Aŭstria Esperantisto

## (Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Int. Esperanto-Muzeo kaj Aŭstria Esperanto-Asocio

…rabono (komencebla ĉiumonate) por Aŭstrio S 4.60, …gebla ankaŭ en partpagoj (½ j. S 2.35), aliaj landoj sv. fr. 3.75; ponumere 45 g (1 resp. kup.).

Aperas la 5. de ĉiu monato. Leteradreso: Wien, I., Neue Burg (Tel. R-27-803). Manuskriptojn ni nur resendas kun reafranko. Poŝtŝparkaso-konto D-123.826.

Ne ĝustatempa malmendo de nia gazeto devigas al plupago de la jarkotizo por la sekvonta jaro.

…ro 7 (132 en la vico) Korneuburg ĉe Wien, la 10. de julio 1936. 13. jaro




…deracia Ministerio por Komerco kaj Trafiko ĝeneraldirekcio
…r la administrado de poŝtoj kaj telegrafoj
…. 22672/1936
…donoj: 1. Wien, la 17. Junio 1936.

Al la preparanta Komitato por la …8a Universala Kongreso de Esperanto

Wien.

Ni havas la honoron, transsendi al Vi …nterne represaĵon de dekreto, proksim…mpe aperonta en „Post- und Telegraphen-…rordnungsblatt“ (Gazeto de dekretoj …ŝtaj kaj telegrafaj) por afabla scio; …nas pri la eldono de la dezirataj bild…ŝtkartoj kun varbotekstoj, inter alie …kaŭ en Esperanto. La eldono de tiuj ĉi …d-poŝtkartoj okazos en la plej proksimaj …goj.

Ĉe tiu okazo ni permesas al ni ankaŭ …primi al Vi la plej nin-devigan dankon …o la afabla kunhelpo ĉe la havigo de la …cesaj tradukoj de l'varbotekstoj en la …ancan kaj anglan lingvojn kiel ankaŭ en …peranton.

La ĝeneraldirektoro: Steyskal m. p.

**97. Novaj bild-poŝtkartoj po 35 groŝoj.**

1. La bildpoŝtkartoj kun poŝtmarka surpreso po 35 g destinitaj por la eksterlanda trafiko, estos okaze de la plej proksima nov-eldono provizataj per aldona varboteksto al la loknomoj, troviĝantaj sub la bildoj en la lingvoj germana, franca kaj angla kiel ankaŭ Esperanto. Samtempe kelkaj el la ĝis nun uzataj bildoj estas elŝanĝitaj kontraŭ novaj vidaĵoj. Cetere la ĝisnuna ekipo restas neŝanĝita.

2. La nova serio de bildpoŝtkartoj montras sekvantajn vidaĵojn:

**El la federacia lando Burgenland:**
Forchtenstein, Eisenstadt, Schlaining, Bad Tatzmannsdorf.

**El la federacia lando Karintio:**
Heiligenblut, Seebachtal apud Mallnitz, Kanzelhöhe, Pörtschach a. Wörthersee, Millstatt a. Millstättersee, Velden a. Wörthersee.

**El la federacia lando Malsupra Aŭstrio:**
Baden a. Wien, Melk, Semmering, Ruino Aggstein, Puchberg a. Schneeberg, Oetscher.

**El la federacia lando Supra Aŭstrio:**
Traunkirchen, St. Florian, Gosausee—Dachstein, Steyr, Hinterstoder, Mondsee.

**El la federacia lando Salzburg:**
Hofgastein, Großglockner - Hochalpenstraße, Lofer, Zell a. See, Badgastein, Salzburg.

**El la federacia lando Tirolo:**
Kufstein, Innsbruck, Obergurgl en Oetztal, Lermoos, Kitzbühel, Kals.

**El la federacia lando Vorarlberg:**
Feldkirch, Flexenstraße, Bregenz, Silvretta-grupo.

**El Wien:**
Ringstraße, Schönbrunn, Karlskirche, Stata Operejo, Schwarzenbergplatz, Belvedere.

(B. M. Z. 22672 de la 17. Junio 1936.)

---

„Granda eldonaĵo.
Somerservo 1936.
Oficiala Aŭstria Kursbuch (horaro).
85. jarkolekto.
Eldonita de Ministerio por Komerco kaj Trafiko.
Generala Direkcio de la Poŝtoj kaj Telegrafoj ktp.“

Jen la E.-traduko de la titolpaĝo de la libro, en kiu nun la unuan fojon aperis krom en la lingvoj germana, angla kaj franca ankaŭ Esperanto po 2½ paĝoj sub la titoloj: „Legu antaŭ la uzado de l' libro!“, „Ŝlosilo por la horar-libro“, „Komparo de la tempo“ kaj „Klarigo de la signoj“.

Ni ĝojas, ke Aŭstria E.-Asocio sukcesis enkonduki ĉi tiun E.-tekston. AEA.

Ministro por Komerco kaj Trafiko, **Fritz Stockinger,** la favoranto de nia movado.



La ministro ricevis aron da alskribaĵoj de esperantistoj el diversaj landoj, en kiuj ili lin petis, paroli per Radio.
La ministro pro manko de tempo ne povis plenumi ĉi tiun deziron kaj farigis poŝtkartojn, kiuj montras la momenton, kiam la ministro parolis en la Palaco de la Leĝdonado la malfermajn vortojn en Esperanto dum la Internacia Konferenco „Esperanto en la lernejojn kaj la praktikon" je Pentekosto 1934.
Ĉi tiun karton la ministro sendis kun propra subskribo kaj sia danko al ĉiuj skribintoj, invitante al la 28-a.

## 28a Kongreso de Esperanto.

**Pacfanfaro**

antaŭ la minacantaj kanonegoj de la mondo.
Dediĉita al la Esperanto — kongreso en Vieno.

Fratoj, faru rondon
por la pacsoci'! —
Tra la tutan mondon
marŝu venklegi',
sonu vokfanfaro,
flugu stelstandard'!
Brulu en homaro
forta, sankta ard'!
Fratoj, laŭte diru:
ne al la milit'!
Al homaro iru
kun la bonsendit':
Venos nova mondo,
regos la raci'. —
Fratoj, estu rondo
por la pacsoci'!

Dano.

**Atentu!!!!**

La **kongreskotizoj ĝis 15. de julio:**
I. kongresano svfr. 25.50, II familiano 16.—, gejunuloj 10.80.

**Post 15. de julio** la kotizoj estas:
I. svfr. 28.50, II 17.75, III 12.—.

**Helpkongresanoj** ĉiam svfr. 12.—.

La koncernaj prezoj en **aŭstriaj ŝilingoj:** nun I 44.80, II 28.20, III 19.—; post 15. de julio: I 49.90, II 31.10, III 22.75.

**Pasporto:** Vi nur bezonas montri ĉe la aŭstria limo vian validan pasporton kaj ne bezonas vizon por la envojaĝo kaj restado en Aŭstrio, montrante vian kongreskarton. (Bundeskanzleramt GD. 373.457/St. B.)

**Rabato sur aŭstriaj fervojoj:**

Laŭ kongreskarto vi ricevos por via vojaĝo al kongreso kaj de la kongreso po 25% rabaton. En tiu kazo vi devos stampigi vian kongreskarton en la stacio, en kiu vi eniras Aŭstrion, por ricevi la rabaton por la reveturo. — Tia speco de envojaĝo nur komenciĝas la 1. de aŭg. kaj la reveturo finiĝas la 20-an de aŭg. je meznokto. — Sed **pli bone estus,** ke vi eniru Aŭstrion kaj pagu la tutan prezon por la vojaĝo al Salzburg (se vi partoprenas en ekskurso A) aŭ ĝis Wien. **Post 7-taga** restado en Aŭstrio, do post la kongreso vi nur pagos vian reveturbileton al iu limo je **60%** rabatita, do vi ankoraŭ gajnos 10% kontraŭ la rabato ĝenerala por la kongresoj. — **Enlandanoj** ricevos jenan rabaton: Ili aĉetu 1½ biletojn kaj pagu per tio la **tien-kaj reveturadon.** La kongreskarton ili devas **stampigi.**

**Tramvojo.** La tramvoja reto, enhavanta proksimume 100 liniojn, estas dividita je sekcioj po 10, 20, 30 kaj 35 groŝoj. Por 10 gr. oni traveturas 1000—1500 metrojn, post enĵeto de la monero en la aŭtomaton sur la antaŭa vagonperono. Fumado estas permesita nur en specialaj vagonoj kun surskribo „por fumantoj". La veturoj per la subtera tramvojo (Stadtbahn) kostas 35 gr. Kursado de tramoj de 5.30—0.15, de subteraj tramoj ĝis 23.15, de urbaj aŭtobusoj tagaj ĝis 20.00, noktaj de 0.15—3.00.

Al la **ekskurso A** „Tra Aŭstrio" la **lasta aliĝebleco** estas **la 1. de aŭgusto** kun **samtempa alveno** de la **koncerna monsumo.**

Alveno en Wien. En Wien estas 5 ĉefstacidomoj, kie vi povos alveni. **En ĉiu** la **8. de aŭgusto** de **mateno ĝis la 18 h** vespere deĵoros samideanoj. Alveninte vi vidos verdan flageton sur la perono, kiu montros al vi la akceptejon, kie vi ricevos kontraŭ montro de via kongreskarto viajn kongresaĵojn, escepte la bileton por la teatraĵo.

La teatro-biletoj estos riceveblaj en la kongresejo: la **8. de aŭg.** inter **8—18 h,** dum la **Interkonatiĝa Vespero** post la oficiala Malfermo de la **22—24 h;** la **9. de aŭg.** en la **kongresejo** inter **10—12 h** aŭ dum la restado posttagmeze **sur Kahlenberg** aŭ finfine ĉe la **giĉeto en Raimund-teatro mem,** VI. Wallgasse 18, antaŭ la prezentado.

Do de la stacioj en Wien vi povos tu[illegible] veturi al via loĝejo, **vi ne bezonas vetur[illegible] al la kongresejo.** Kiu ne ankoraŭ aliĝis al la kongreso aŭ kiu deziras aliĝi al ekskurso B (restado en Wien kun hotelo, ekskursoj ktp.) aŭ al aliaj ekskursoj, nepre **devas aranĝi** ĉi tiujn aferojn en la **kongresejo ĝis 19 h.**

La **Kongresejo** estos en **Wien, Neue Burg** en la halo antaŭ la festsalonegoj.

**Esperanto-flago** sur Heldenplatz (Placo de Herooj) montros al vi la vojon.

Je la **18 h 30** komuna vespermanĝo proksime de la kongresejo.

**Solena Malfermo** de la Kongreso en la Festsalonegoj en Neue Burg precize je la **20 h.**

Poste en la samaj salonegoj „**Interkonatiĝa Vespero".**

**Ŝanĝoj en la provizora programo:**

La prezentado de la teatraĵo „**La Blanka Ĉevaleto"** okazos **nur** la **9. de aŭg.**

La aŭtobus-veturado al **Schönbrunn** kun vizito al la kastelo kaj menaĝerio okazos **nur** la **9. de aŭg.** (Ekskurso D.)

La **ekskurso E (Klosterneuburg)** ne **okazos.**

Ekskurso F (Kahlenberg — Grinzing — muziko, bonhumoro) okazos por **ĉiuj nur** la **10. de aŭgusto.**

**Ekskurso O ne okazos.**

Dum la balfesto en naciaj kostumoj okazos **elekto de „Belecreĝino".** **Nepre kunprenu vian nacian kostumon.**

---

**Radio:** La 10. aŭg. je 22 h 50 parolos **Nikolaus Hovorka** pri „La Blanka Ĉevaleto".

La 24. aŭg. **d-ro Max Höfer** pri „Historiaj lokoj de niaj muzikistoj en Wien".

**La E.-kurso daŭros ĝis la Kongreso.**




Dum la tuta kongrestempo **Internacia Esperanto-Muzeo** estas malfermata por vizito. Jus per helpo de **kanceliero de Aŭstrio d-ro Kurt von Schuschnigg** kaj la ministro por **Komerco kaj Trafiko Fritz Stockinger** la fondinto de la muzeo kortega kons. Steiner sukcesis ricevi belegan salonegon, 24 m longan kaj 12 m larĝan, por starigi tie la kolektojn de Int. E.-Muzeo kaj por inde starigi ankaŭ la **kolektojn de Universala Esperanto-Asocio.** Ni faros ĉian eblon por iamaniere ankoraŭ ĝis la kongreso aranĝi la Muzeon por via ŝatata vizito. **Ĉiu ion kunportu por la Muzeo!**

## DISERVOJ.

Dimanĉe, la 9. de aŭgusto:

**KATOLIKA** je la 9 h en Votiv-preĝejo,
Pontifika Meso, celebrota de Lia Eminenco
Kardinalo D-ro Theodor Innitzer,
Ĉefepiskopo en Vieno
kun asisto de 7 pastroj
Prediko: Pastro Modesto Carolfi.
Germana Meso de Schubert, ludota de orkestro.

**PROTESTANTA** je la 8 h en preĝejo I. Dorotheergasse 18. E.-prediko.

**IZRAELIDA** je la 8 h en templo I. Seitenstettengasse. E.-prediko.

Federacia **Kanceliera Oficejo**
**Eksterlandaj aferoj.**
N-ro. 39.845 — 13.

Wien, la 2. Julio 1936.

Al la
Preparanta Komitato de la 28. Esperanto-Mondkongreso en
W i e n.

Sekve de la ĉi-oficeja skribaĵo n-o 168—13 de la 9. p. m. la Federacia Kanceliera Oficejo, Eksterlandaj aferoj, laŭ koncernaj ambasadoraj raportoj, havas honoron komuniki jene.

Pro la cirkonstanco, ke la unua legacia sekretario de Brazila ambasado en Vieno, d-ro Roberto Mendes Gonçalves, estis revokita por oficado en la Ministerion por Eksterlandaj Aferoj en Rio de Janeiro, transprenos lia sekvanto, legacia sekretario de Silveira Martins Ramos, ĉe la kongreso kiel reprezentanto de Brazilo.

La registaroj Argentina kaj Perua Honduras, ne povi esti reprezentataj ĉe la kongreso.

La Unuiĝintaj Ŝtatoj de Nord-Ameriko estos reprezentataj per sekvantaj oficialaj delegitoj:

Mr. Joseph R. Scherer, prezidanto de Esperanto Association of North America, Incorporated, 4474 West Adams Boulevard, Los Angeles, California,

Mr. F. A. Hamann, 611 North Sixty-third Street, Wauwatosa, Wisconsin.

Por la Federacia Kanceliero:
subskribo.

### Prelegoj en Somera Universitato:

D-ro Aŭg. Pitlik de la ĈSR-Ministerio por Komerco, Praha „La ĉeĥoslovaka respubliko — la kruĉiĝpunkto de diversaj kulturoj".

Joseph Scherer, Los Angeles „Per nur unu lingvo tra la mondo".

Ing. Pawlos Gianelija nome de Greka Registaro „Modela reformo de impostoj, por imito prezentota al ĉiuj registaroj".

Ing. Isbrücker, Haag nome de Nederlanda Registaro.

Sekretario de la Brazila Ambasadorejo en Wien nome de Brazila Registaro.

Elemer Hantos, iama ŝtatsekretario de Hungarujo „La kultura kunligiteco de Mez-Eŭropo".

D-ro Václav Šustr, eksministro, prezidanto de Bohema Union-Bank, Praha.

Prof. univ. Grigore L. Trancu Iasi, eksministro de Rumanujo, Bukarest.

Kijoŝi Ikegaŭa, Osaka „La institucioj de socia helpo en Japanujo" nome de la urbo Osaka.

Reg. Kons. Müller de Aŭstria Asocio de Ligo de Nacioj „Necesaj kulturaj kaj ekonomiaj rilatoj en Eŭropo".

Prof. d-ro Bujwid „Miaj rilatoj al la aŭtoro de E. dum nia komuna studado en la Varsovia universitato".

Parolado pri „Varsovio, la urbo de la Jubilea Kongreso de Esp. 1937".

Prof. d-ro Kamaryt, Bratislava „Samtempa filozofio ĉeĥoslovaka".

D-ro Kalocsay, Budapest: „Esperanto-literaturo."

Prof. d-ro Musella, Roma „La Pontinaj marĉoj kaj ilia kulturigo".

Mag. Höfert, Znaim „Ex oriente lux — el Mezeŭropo savo".

2 prelegoj de reprezentantoj de nordfrisoj kaj armenoj pri sia gento.

Laŭ instigo ni plivastigis la programon de Somera Universitato.

### Laborkunsidoj!

1. marde, la 11. de aŭg. je 9 h en Hofburg;
2. vendrede, la 14. de aŭg. je la 9 h en Hofburg;
   (UEA-konsilantaro)
3. sabate, la 15. de aŭg. je 9 h 30 en Hofburg kaj Solena fermo.

### Parolad-Konkurso.

Konkurso de opinioj pri unu el 3 en la Kongreslibro menciotaj E.-libroj!

Konkurso pri certa temo, donota en la kunsido mem!

Ambaŭ konkursoj okazos en la 2. aŭ 3. laborkunsido!

### Belecreĝino.

La plej bela samideanino en la plej bela kostumo estos deklarata kiel BELECREĜINO kaj ricevos memoraĵon.

### Surprizo por niaj aninoj!

Speciala modaĵekspozicio kun **senpaga refreŝiĝo** en **Grandmagazeno A. Gerngroß,** 6., Mariahilferstraße 38—48.

Speciala modaĵekspozicio en magazeno **Ungar Laszlo,** 1., Rotenturmstraße 19.

### Listo de fakaj kunsidoj de la 28a Universala Kongreso de Esperanto

Wien (8.—15. aŭgusto 1936).

**Juristoj** (adr. advokato René Chapron, 32 Rue de Champs, Le Mans, Franc.).

**Katolikoj** (adr. s-ro Leopold Chiba, Wien, IV., Schaumburgergasse 5).

**Senalkohola kaj sentabaka kulturo** (adr. Walter Mudrak, Wien, III., Beatrixgasse 19/9).

**Stenografoj** (adr. Ernst Werner, Wien, I., Neue Burg, Int. Esp-Muzeo).

**Sanitaristoj** (hospitala civila kaj militista helpistaro); adr.: Josef Schäfer, Wien, XVIII., Weitlofgasse 15/21.

**Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio** (TEKA); adr.: Esperanto-Kongreso, Wien, I.

**Fervojistoj** (Gottfried Heidl, fervoja konduktoro, Linz a. d. D., Waldeggstr. 52, Aŭstrio).

**Unuiĝo de Esperantistaj Virinoj** (U. D. E. V.); adr.: S-ino Frieda Feichtinger, Wien, XIII., St. Veitgasse 76.

**Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj** (TAGE); adr.: Lerneja inspektoro reg. kons. Fritz Stengel, Wien, I., Neue Burg (Esperanto-Kongreso).

**Veterinaroj**; adr.: d-ro Georgi pop Ivanov, Orehovo ĉe Danubo, Bulgarujo.

**Kristana Esperantista Ligo Internacia; adr.:** Paul Hübner, Köln-Dellbrück, Gladbacherstraße 1095 I. Germanujo.

**Bahaanoj**; adr.: Redakcio de „La Nova Tago", Fürth in Bayern, Kriegerheimstraße 16/I.

**Jurnalistoj** (adr.: Wien, I., Neue Burg, Esperanto-Kongreso).

**Internacia Scienca Asocio Esperantista** (adr.: Marcel D. Dupuis, 56 Rue de la Rochefoucauld, Paris IX).

**Komercistoj**; adr.: kort. kons. Steiner, Wien, I., Neue Burg.

**Internacia Ligo de Esperantaj Poŝt- kaj Telegraf-oficistoj** (ILEPTO); adr.: d-ro E. Spielmann, Bern, Gesellschaftsstraße 39.

**Poŝtmark-kolektantoj**: Internacia Esperanto-Muzeo en Wien.

**Teknokratio kaj Etiko** (adr.: Felix Frankl, Wien, IV., Belvederegasse 9).

**Skoltoj** (adr.: Esperanto-Kongreso Wien).

### Invito al Internacia Kunsido de la Virinoj,

kiu okazos en la kadro de 28. Univ. Kongreso de Esp. la 12. de aŭg. ke 18 h en la festsalonego de Neue Hofburg (eniro Heldenplatz).

Temo: „Reakcio de la politika kaj ekonomia situacio en Eŭropo al la situacio de la virinoj."

Referatoj: D-rino Alma Motzko, konsilisto de Urbo Wien, Lidja Zamenhof-Warszawa; Marie Borel-Lyon, sekretarino de Intern. Unuiĝo de E.-Virinoj.

La paroladoj okazos en diversaj lingvoj.

Ligo de Aŭstriaj Virinunuiĝoj:
Marie Hoheisel, prez.

### Instruistaj fakkunsidoj!

Ni sendis al ĉiu kongresano-instruisto alvokon, kiu aperis en Heroldo de Esp. (26/887) kun la peto respondi la koncernan demandaron. Kelkaj respondoj alvenis, kiel unua la ampleksa de „E.-soc. Vekiĝo" en Ŝumen, Bulgarujo (prez. Silvestriev, sekr. Theodorov).

En la du kunsidoj dum la kongreso, marde kaj merkrede, ni devas bone eluzi la tempon per **mallongaj referatoj** (po

10—15 min.) kaj postaj **liberaj diskutoj,** ankaŭ kiel eble plej koncizaj kaj tial mallongaj!

Provizora programo:

Malfermo: Reg. kons. lernejinspekt. F. Stengel. Legado de leteroj el eksterlando: ŝtate ekzam. E-instr. kalk. kons. Rud. Mich. Frey.

Referatoj:

1. Reg. kons. Stengel „E-instruado en Aŭstrio".
2. instr-ino Amalie Berger „Enkonduko de E. en la lernejon el la vidpunkto de la lingvo-instruisto".
3. instr-ino Nixon Violet el Birmingham: raporto pri „Edukada Komitato de BEA" kaj pri aliaj klopodoj, diskonigi E-on en la anglaj lernejoj kaj en edukaj rondoj en Anglujo.
4. Geo W. Roome, Sheffield, Angl., prezidinto de TAGE, anstataŭos la nunan prez. d-ron Beckmann (Svedujo) „Brita edukado".
5. prof. d-ro Vincenzo Musella, Roma „La naciaj, klasikaj kaj modernaj lingvoj kaj E." (konkreta programo, prezentota de TAGE al ĉiuj registaroj).
6. Rud. Mich. Frey: Pri rezolucio por la registaroj kaj la gazetaro en ĉiuj landoj.
7. Diskutado.

Prep. Kom.: Stengel, Frey.

**Katolika Unuiĝo Esperantista.**

(KUE-Wien). Aranĝoj la 11. de aŭg.:

**Diservo kun prediko** je la 8-a en Minoritenpreĝejo, I., Minoritenplatz.

**Festkunveno** je la 16 h en Schotten-abatejo (Prälatensaal), I., Freyung 6.

Nia kardinala Moŝto ĉefepiskopo d-ro Innitzer promesis sian plej eblan ĉeeston.

**Informoj:** Leop. Chiba, Wien, IV., Schaumburgergasse 5.

**Internacia Bahaa Esperanto-Rondo** invitas tre kore al sia fakkunveno en Vieno, merkrede, la 12. de aŭg., je la 10 h. Inter alie estos prelegota letero de Abd'ul-Baha pri Universala Paco, sendita al la Centra Organizaĵo por Konstanta Paco en Haag en 1919. Tiu ĉi sciigo ankoraŭ nuntempe posedas sian tutan signifon.

**Fakkunveno por senalkohola kaj sentabaka kulturo,** vendrede, 14. de aŭg. je la 16 h en vegetara restoracio Scala, I., Petersplatz 4 (senpaga eniro, neniu konsumdevo!).

Inter la **fervojistaro** en Aŭstrio estas 138 en Esp-o ekzamenitaj kaj ĉiujare reekzamenataj de fervojinsp. Bausbach laŭ ordono de la Ĝenerala Direkcio de Fervojoj.

**„La Blanka Ĉevaleto."**

Kantludo en 3 aktoj (libere laŭ la komedio de Blumenthal kaj Kadelburg) de Hans Müller, muziko de Ralph Benatzky, trad. en E-o de Hovorka kaj Norbert.

Tekstoj de la kantoj de Robert Gilbert. Muzikaj enmetaĵoj de Robert Gilbert, Bruno Granichstäedten, Robert Stolz.

Aktoroj:

Josepha Voglhuber . . . Annie Sieburg
Leopold Brandmeyer . . Ernst Duschy
Wilhelm Giesecke . . . Marcel Benard
Ottilie . . . . . . . Lotte Berg
Dr. Erich Siedler . . . Robert Pleß
Siegismund Sülzheimer . Heinrich Gaßner
Prof. Dr. Hinzelmann . Ernst Rollé
Klärchen . . . . . . Hedy Straas
La imperiestro . . . . Dr. Paul Gerhardt
Pikkolo . . . . . . . Anny Krenek
Kathi . . . . . . . . Mia Kainz

Muzika gvidado: Bruno Zilzer.

Enscenado: Ernst Rollé.

Dancoj: Thomas Peter.

**Esperanto - Sonoj** (Esperanto - Klänge) Valso de Leopold Cipl. Komponita kaj dediĉita al la 28. **Universala Kongreso de Esperanto,** Wien, 6 paĝoj. Eldonejo „Phöbus-Verlag", Hans Poddany, Wien VI., Aŭstrio. Prezo afrankite 2 š.

## Kongresvojaĝo „Tra Aŭstrio".

**Ekskurso A.**

Alveno de la partoprenantoj dum la **5. de aŭgusto** en **Salzburg.**

En la stacidomo la atendejo de I-a klaso, markita per flageto, estos la kongresejo, kie vi ricevos viajn dokumentojn kaj povos tuj de tie veturi al viaj noktigejoj. La membroj de Salzburga E.-grupo deĵoros en la stacidomo (prez. prof. d-ro Christanell) kaj bonvenigos vin.

La „antaŭpagita biletaro" jam en kelkaj tagoj estos sendata al ĉiuj mendintoj.

Ĉio estas pagita de vi inkluzive la trinkmono, vi do ĉie nur donu la koncernan kuponon el via biletaro kaj ne pagu ion, escepte viajn trinkaĵojn kaj aparte menditajn aferojn.

**Programo en Salzburg:**

**5. de aŭgusto:**

Vespere la grupo invitas vin al restoracio **Sternbräu,** kie okazos **interkonatiĝa vespero.** Vespermanĝo **ne entenata** en la aranĝo „Tra Aŭstrio", tial pagota!

**6. de aŭgusto: 8 h forveturo** de **Dollfußplatz** al **Hellbrunn** (vizito de la ĉambraro kaj de la akvoartaĵoj kaj parko), reveturo al la urbo Salzburg kaj rondveturado tra ĝi. La samideanoj en Salzburg gvidos vin!

Je la **11 h** finiĝas la veturado per alveno sur **Residenz-Platz,** kie vi aŭskultos la faman Sonorilar-ludon kaj la potencan orgenon (Stier) de la fortikaĵo Hohensalzburg. Je la **12 h** komuna tagmanĝo en **Stiglkeller,** de kies terasoj vi ĝuos je bona manĝo ravigan rigardon al la urbo. Post la tagmanĝo mallonga bela vojo supren al la fortikaĵo Hohensalzburg, kun belega panoramo. La fama Alexander von Humboldt skribis en sia verkaro, ke Salzburg apartenas kune kun Napoli kaj Istanbul al la plej belaj urboj en la mondo! Poste vizito al la ĉambraro en Hohensalzburg en grupoj kaj vi trinkos vian posttagmezan kafon aŭ teon kun kuko en la restoracio sur Hohensalzburg, ĝuante la belan panoramon.

Personoj, kiuj ne ŝatas iri la 20-minutan vojon al sur la monteton, povas uzi la *levilon*, pagante — laŭ siaj kongreskartoj — 60 g por supren- kaj malsupren-veturadoj.

Vespere je la **19 h 30** vi kunvenos denove en **Stiglkeller** por komuna vespermanĝo kaj tie komenciĝos je la **20 h 30** „Hejmeca Vespero", aranĝota de la Lando Salzburg kun dancoj, kantoj en naciaj kostumoj kaj muziko. Post la prezentado dancado de la kongresanoj. Ĉeestos la Estro de la Landa Registaro kaj la urbestro de Salzburg.

**7. de aŭgusto:** Forveturo de la aŭtobusoj al **Linz-Wien precize je la 8 h.** Ĉiuj partoprenantoj venu kun sia **necesa** vojaĝvalizeto al la forveturloko: **Dollfußplatz. Aparta ŝarĝaŭtomobilo** prenos vian valizon, **ne pli pezan ol 30 kg (nur 1 valizo po persono)** kaj transportos ĝin ĉiam al la venonta noktigejo.

Vi ricevos en Salzburg kune kun viaj dokumentoj ankaŭ valizslipojn, kiujn **vi alglui ĉiam por la venonta nokto antaŭ la forveturo,** por ke vi ricevu vian valizon en la ĝustan hotelon. Se vi deziras kunpreni pli grandan aŭ kelkajn valizojn, bonvolu la **aliajn sendi** rekte per fervojo [...] **Wien** el Salzburg, ĉar ni nur povas tra[...]porti **po 1 valizo kun ne** pli ol **30 kg.** —

De Salzburg ĝis **Gmunden** kun mu[...] interrompoj por ĝui la regionon [...] rigardi la dumvojajn lokojn kiel ekzem[...] Ischl.

En **Gmunden** komuna tagmanĝo. Daŭri[...] al **Wels,** kie la esperantistoj vin salutos [...] la persono de sia prezidanto Karl Franz.

Tiam al **Linz,** la ĉefurbo de Bruckn[...]lando, 16 h 30. E.-grupo (prez. dir. Wan[...] kaj propag. ĉefo poŝtinsp. Kugler) v[...] akceptos. Veturado al la hoteloj. Pr[...]menirado sur la ĉefstratoj Landstraße k[...] Graben. Veturado per aŭtobusoj al s[...] **Pöstlingberg** (monto), tie komuna vesp[...]manĝo kaj Festvespero, aranĝota de [...] Lando Supra Aŭstrio en ĉeesto de la Es[...] de la Landa Registaro kaj de la urbes[...] de Linz.

Je la 23 h reveturo per la aŭtobusoj [...] la hoteloj.

**8. de aŭgusto:** Forveturo de la aŭtobu[...] precize je la **7 h,** por ke vi ĝustatempe es[...] en Wien por la ĉefaranĝo la „Malfer[...] Kunsido". Ili prenos vin de la hoteloj; v[...] pakaĵon prenos la ŝarĝaŭtomobilo. [...] forgesu alglui la slipon de via hotelo [...] Wien. La aŭtomobiloj ariĝos sur [...] ĉefplaco kaj forveturos precize de tie [...] la **7 h.**

Alveno en **Melk** je la 9 h. Salutado fla[...] de la tieaj esperantistoj. Veturado al [...] abatejo kaj gvidado tra la bibliote[...] festsalonego kaj la belega baroka preĝe[...] Tagmanĝo precize je la 11 h 30 en **Ho[...] Bahnhof** (esperantisto) kaj forveturo [...] Melk je la **13 h precize,** por ke la aŭ[...]mobiloj estu plej malfrue je la **15 h 30** [...] Wien.

Per tio **finiĝas** la **unua parto** de la vojaĝ[...]

Post la kongreso do sabate, la 15. [...] **aŭgusto,** forveturo **precize je la 13 h.** [...] aŭtobusoj veturigas la partoprenantojn [...] la tagmanĝo en la hotelojn, kie ĉio j[...] devas esti preparita. La valizo, kiun [...] deziras sendi per la ŝarĝaŭtomobilo, dev[...] jam esti preparita matene, ĉar la ŝar[...] **aŭtomobilo** jam prenos **ĉi tiun pakaĵo[...] antaŭtagmeze,** por ke la pakaĵo jam est[...] en la hoteloj en Graz, kiam vi alvenos. N[...] forgesu alglui la slipon kun la nomo d[...] via hotelo en Graz.

Do la aŭtobusoj veturigos vin al [...] hoteloj, por ke vi prenu vian manpakaĵeto[...] mantelon ktp., veturigos vin al la **kongresejo,** de kie okazos la forveturado [...] Graz.

Mallonga restado sur **Semmering** (1000 m) kaj poste al Graz. Alveno antaŭ la 19 h. Niaj Graz-aj samideanoj atendos ni[...] (prez. Will. Rogler kaj kas. Bartl; kolonel[...] Hackl, prez. de Landa Org. por Stirio) ka[...] kondukos nin al la urbo. Poste en la hotelojn.

Je la 20 h 30 komenciĝos **Festvespero,** aranĝota de la lando Stirio, en Annensäle[...] en ĉeesto de la Estro de Lando Stirio kaj de la urbestro de Graz. Komuna vespermanĝo.

**16. de aŭgusto:** Matenmanĝo en la hoteloj kiel ĉie dumvoje; je 8 h 15 forveturo de la hotelo por **rondveturado** tra la urbo. Antaŭ forveturo por la vizito de Graz, do **matene,** preparu vian pakaĵon por la ŝarĝaŭtomobilo kaj ne forgesu alglui la slipon por via hotelo en Klagenfurt. Tagmanĝo 11 h en **hotelo sur Schloßberg** (monto). 12 h 30 **forveturo** al **Klagenfurt**

[...]rte sur la nova strato trans Pack. Graz-aj [sa]mideanoj akompanos nin vojpecon. Alveno en Klagenfurt plej malfrue je la [...]7 h. En la hotelojn kaj poste piede al [...]aŭguro de Esperanto-Strato precize je la [...]8 h 30. Fotografado. Precize je 19 h 30 en [...]ndhaus, en la historia Blazon-salonego [...]azos salutvortoj de la Estro de Lando [...]rintio kaj de la urbestro de Klagenfurt. [...]17. de aŭgusto: Forveturo je la 7 h 30 [...] la hoteloj. Algluu al via pakaĵo slipon [...] via hotelo en Heiligenblut, Glockner[...]us aŭ Kaiser Franz Josef-Haus, por ke [...]ŝarĝaŭtomobilo ĝin povu transporti tien [...]statempe. [...]Laŭlonge de **Lago de Wörth** ni veturas [...] **Villach**, rigardas la banlokon **Warmbad** [...]llach kaj daŭrigas al **Spittal**. Tie ni [...]manĝos en Hotel „Alte Post". Daŭrigo [...] la veturado. Kiuj sin anoncis plej frue [...]os plej alte en Franz Josef-Haus, aliaj [...] Glocknerhaus kaj aliaj en Heiligenblut. [...]ĉiuj estos kontentaj, ĉar en tiuj tri lokoj [...]ĝuos ĉarman sunleviĝon kaj belegan [pan]oramon. Ni jam atentigis vin kaj [...]etas tion, ke en Aŭstrio kiel en aliaj [...]doj ni ne nur havas unu-litajn ĉambrojn [...] ke aro da s-anoj devas loĝi po du sur [...]oßglockner ankaŭ po tri kaj kvar. [...]espere agrabla kunesto de la parto[...]ntoj en la unuopaj noktigejoj kaj [...]gaj promenadoj vesperaj. [...]a **18. de aŭgusto:** Rigardo de sunleviĝo; [...]rigo de la veturado, kiuj restis en [He]iligenblut kaj Großglockner, kaj poste [...]muna veturado malsupren al **Zell am See,** [...] la lando Salzburg. Alveno je la 12 h; [...]manĝo en **Hotelo „Alte und Neue Post".** [...]j samideanoj, kiuj deziras aŭ **hejmen** [...]ri aŭ **dumvoje ankoraŭ resti,** en Tirolo [...]zemple, povos **jam de Zell** hejmen veturi [...]nte rapidtrajnon je 14 h 47 kaj estos [...] Innsbruck jam je la 17 h kaj en Zürich [...] h 30; ili ricevos de la hotelo apartan [...]kajon kun bona vespermanĝo por la [vo]jaĝo. [...]La aliaj veturu per aŭtobuso trans [...]ter—**Reichenhall** al **Salzburg,** ni alvenos [...]la **17 h.** Vespermanĝo kun la E.-grupo [...] **Sternbräu.** [...]Per tio finiĝas la rondveturado „Tra [Aŭ]strio" kaj ni esperas, ke ĉiuj estos [ko]ntentaj! **Tranokto en Salzburg la 18.** de [...] ne plu estas enhavata. Estos ankaŭ [...] malfacile trovi loĝejon tiam en Salzburg. [...]Ni aldonas, ke **ĉiam al la matenmanĝo** [...] ricevos ŝinkobulkon por manĝado dum[...]. Postulu ĝin ĉie, se oni forgesis!

**[...]iaj ekskursoj dum la 14. de aŭgusto:**

„K" al Rax-alpo kaj Semmering; ege [int]eresaj: kablofervojo 2000 m alten, belega [pa]noramo, unika altaĵaero!

„L" al Schneeberg; vere interesaj: [...]ntradfervojo 2000 m alten, dumsomere [...]ĝo, ĉarmega, panoramo, ozona altaĵaero!

„M" al Mödling—Heiligenkreuz—Baden; [int]eresaj abatejo 800 jara, fama banloko [...]den.

„N" (ŝanĝo: ni ne veturos per fervojo kaj [...]o, ĉar tio en la mallonga tempo estus [...] laciga, sed per propra aŭtobuso!) [ve]turado per aŭtobuso de Wien al abatejo [M]elk, vizitado, veturado al Dürnstein, [...]lto por rigardi la faman abatejon kaj la [...]non, kie reĝo Rikardo Leonkoro estis [ka]ptiberigita, daŭrigo al Spitz, ĉarma loko [...] Danubo, kaj ĉiam laŭlonge la rivero tra [l]a Wachau al Krems, la bela urbo ĉe la [...] de Wachau. Tie renkontiĝo kun la E.-grupo kaj vespermanĝo kaj poste reveturo als Wien.

---

La **Biletaroj** por ekskursoj **A kaj B** estas jam nun dissendataj al ĉiuj mendintoj kaj plenpagintoj de la koncernaj ekskursoj.

La **biletojn** por la ekskursoj **D ĝis N** vi ricevos en la kongresejo en Wien.

---

**Kongreskarto.** La al vi jam sendita kongreskarto estas la definitiva. Kiu jam pagis, ankaŭ ricevis ĝin!

---

**Fervojistoj!** por vi la direkcio de fervojoj disponigis litojn en la noktigejo por la konduktoroj en Vieno. Po nokto 50 gr. Anoncu vin ĉe LKK.

---

**7. listo.**

665. Guglielminetti Maria, Torino.
666. Lebrun Gaston, bankofic., Boulogne-Billancourt.
667. Lebrun Cécile, muzikprof.-ino, Boulogne-Billancourt.
668. Pattinson Thomas, Gateshead, Angl.
669. Johanneson Naemi, telegr., Stockholm.
670. Aronsson Jenny, instr-ino, Torshälla, Sved.
671. Vogli Noemi, f-ino, prof., Milano.
672. Guillot Juliette, instr-ino, Lyon.
673. Collet Antoinette, instr-ino, Lyon.
674. Revel Yvette Elise Hélène, Airaines.
675. Dettviller Jules, oficestro, Gueugnon.
676. Presté Henriette, instr-ino, Domont.
677. Chambers Gladys, instr-ino, Westcliff-Sea.
678. Hall Mary, instr-ino, Westcliff-Sea.
679. Shaw Arthur James, instr., Westcliff.
680. Williams Thomas Henry, poŝtisto, Manchester.
681. Turner Frederick Henry, inĝ., Birmingham.
682. Chambers Alice C., Hartlepool.
683. Bruckenstein Josef, prof., Bolechow, Polujo.
684. Rademaker N., ofic-ino, Leiden, Nederl.
685. Ragon Ernest, komerca stenogr., Grasse, Franc.
686. Faucher Germaine, ofic-ino, Paris.
687. Ambroise s-ino, Thouars, Franc.
688. Manceau Jacques, desegnisto, Levallois-Peret.
689. Neumann Ibolya f-ino, Horny Fed'vernek, ĈSR.
690. Mevrouw Vuyek-Ritsema M. J., Schalkhaar bij Deventer, Nederl.
691. Rosenstock d-ro Leon, advokato, Kraków.
692. Kochman Josef, inĝ., prof., M. Ostrava.
693. Krajc inĝ. Ladislav, prof., Veselí nad Lužnicí, ĈSR.
694. Manteca Lopez Manuel, advok., Talavera de la Reina, Hisp.
695. Milek František, tipografo, Olomouc, ĈSR.
696. Alibert M. J., distrikta ĉefo de PEM, Toulon.
697. Alibert Julia, edz., Toulon.
698. Boskovitz Wilhelmine, s-ino, Wien.
699. Crouch K., s-ino, Toulon.
700. John Sari S., s-ino, aranĝ. de karavano de Hungara E.-Fed., Budapest.
701. Fiez Henri, komerc., Thouars.
702. Fiez Léontine, edz., Touars.
703. Chaignon Mathilde Jeanne, emer. instr-ino, Thouars.
704. Lagarde Laurent Lucien, fervoj., Marseille.
705. Devulder Marie, instr-ino, Dunkerque.
706. Roedig W. J., Leiden.
707. den Hollander Laura, instr-ino, Arnhem.
708. Grunge Willy, Bramsche bei Osnabrück.
709. Kling Hedwig, s-ino, Malmö.
710. Asbee Dorothy M., ofic-ino, Oxford.
711. Dickson Mabel, Portsmouth.
712. Pfeifer Adolf, skontisto, Asch.
713. Mac Aulay Annie, Edinburgh.
714. Macfarlane Agnes G., Glasgow.
715. May Walter Cyril, desegnisto, Portslade-by-Sea.
716. Parker Gladys E., koresp.-ino, Shirley, Angl.
717. Wassibauer Rudolfine, Hove, Angl.
718. Wilkinson Ronald Basil, sekr., London.
719. Jonsson Gunwor f-ino, Birmingham.
720. Mahrus Nasif, bienposed., sekr. de Komerca Ĉambro, dir. de Ekspoz. pri egiptaj industriaĵoj, Fayum, Egiptujo.
721. Simonsen Torbjörg, instr-ino, Trondheim.
722. Andrén Helge Erhard, libroten., Malmö.
723. Andrén Ester Torborg, edz., Malmö.
724. Jansson Irma, Lillan, Svedl.
725. Lundh Aina f-ino, Örebro, Svedl.
726. Persson Anna, Örebro.
727. Lindvall Greta, kontor-ino, Stockholm.
728. Hedert Gustav, maŝin., Skara, Svedl.
729. Hedert Tora, edz., Skara.
730. Svanteson Ake, Skara.
731. Nygvist Gustaf A. H., Skara.
732. Bolander Gösta, fervoj., Nybro, Svedl.
733. Samuelsson Lisa, instr-ino, Stockholm.
734. Örn Margit, des. instr-ino, Stockholm.
735. Védrine Andreo, instr., Lyon.
736. Chanvillard Juliette, instr-ino, Lyon.
737. Chanvillard Lucie, instr-ino, Lyon.
738. Jacquillet Lucie, instr-ino, Chambéry.
739. Moreau Charlotte, instr-ino, Lyon.
740. Coffy Marie Henriette, maŝinskrib-ino, Lyon.
741. Billiémaz-Cavallier Jenny, instr-ino, Lyon.
742. Pialla Augustin Marius, instr., Villeurbanne.
743. Pellet Andre, denta ĥirurgisto, Lyon.
744. Faure Antoinette, Nice.
745. Moutin Lucie, ŝtatofic-ino, Lyon.
746. Bosland Jean Francois, instr., Villeurbanne.
747. Beltrami Aldo, komerc., Torino.
748. Beltrami Oddone, komerc., Torino.
749. Beltrami Fausta d-rino, edz., Torino.
750. Romano Margherita, ofic-ino, Torino.
751. Rosso Rona, s-ino, Torino.
752. Walder Otto, mekanikisto, Bern.
753. Lundström Bror, modelisto, Limhamn, Svedl.
754. Wagenaar Karolina Christina, instr-ino, Almelo, Nederl.
755. Udby-Eriksen M., f-ino, Randers, Dan.
756. Rasmussen Gudrun, f-ino, Randers.
757. Janvier, Oyosnax, Franc.
758. Barbier s-ro, komerc., Lyon.
759. Barbier Juliette, edz., Lyon.
760. Labergerie Simone, Villeurbanne.
761. Merigier Rolf, Toulon.
762. Carré Reine Marie, Pontarlier.
763. Turin Gaston, instr., Pontarlier.
764. Faure Raymond Léon Emile, instr., Pontarlier.
765. Fraquet Jeanne s-ino, dir. de lernejo, Tours.
766. Truchon Maurice, kasisto, Paris.
767. Truchon Vala, edz., Paris.
768. Truchon Etienne, instr-ino, Paris.
769. Crouch Kate Louisa, Toulon.
770. Hojtasch Elfriede, Wien.
771. Weber Marie, s-ino, Wien.
772. Holiczer Georg, stud. fil., Wien.
773. Minauf Ant., priv. instr., Hürth.
774. Lippert Mary, eduk-ino, Wien.
775. Scherer Joseph R., ĵurnalisto, Los Angeles, Kalifornio.
776. Scherer s-ino, Los Angeles.
777. Heilker Mevrouw, Hoofddorp, Nederl.
778. Mayrleb Karoline, Wien.
779. Mayrleb Hermine, Wien.
780. Grisnigt J. R., instr., Rotterdam.
781. v. d. Vegt Antonie, instr., Rotterdam.
782. v. d. Kleij Jan, instr., Almelo.
783. v. d. Kleij Elisabeth Bouwina, Almelo.
784. Benink G. H., instr-ino, Almelo.
785. Samuelsson Elin Helena Mathilda, Vänersborg, Sved.
786. Astrand Lisa, instr-ino, Stockholm.
787. Karlsson Einar, Växjö, Sved.
788. Nordling Siri, instr-ino, Harhäs, Sved.
789. Forsman Arvid, Kumla, Sved.
790. Carlsen Berta, Kumla.
791. Johansson Anna, Stockholm.
792. Andersson Eja, Motala, Sved.
793. Andersson Märta, Stockholm.
794. Andersson Signe, Vrena, Sved.
795. Johansson David, Mörbylanga.
796. Malmgren Ernfried, instr., estrarano de UEA, Stockholm.

797. Malmgren s-ino, edz., Stockholm.
798. Ferrero Piera, ofic-ino, Torino.
799. Gobiet Adèle-Mary, ofic-ino, Papendrecht, Ned.
800. Kromeich Peter J., ofic., Utrecht.
801. Erard Marie, instr-ino, Wien.
802. Holenstein Sophie, Azmoos, Svis.
803. Geffner Dr. Max, Wien.
804. S. I. B. Kao, pastro, Ĉinujo.
805. Grimault Simone, Le Mans.
806. Azambre Georgs, notario, Maroilles.
807. Vertener Raymond, instr., Ornans.
808. Pauvrehomme Albert, Toulon.
809. Aubé Henri, laboristo, Malakoff.
810. Ladebèze, s-ino, Alger, Afriko.
1001. Atlas Helge, Malmö.
1002. Eklund Birger, Fagersta.
1003. Johansson Emy, Malmö.
1004. Persson Maria, Malmö.
1005. Sjöström Marta, Malmö.
1006. Sjöström Asta, Malmö.

**Per aŭtobuso tra Aŭstrio kaj Wien.**

La libro „Per aŭtobuso tra Aŭstrio kaj Wien“ aperos ankoraŭ ĉi tiun **semajnon** kaj estos **sendota** al ĉiu, kiu **deziras ĝin jam nun havi**, kontraŭ pago de la afranko, kiun vi povos pagi en Wien!

La libro estas parto de la kongreskotizo!

**Kion nepre bezonas la kongresanoj:**

**Glumarkojn** pri la kongreso en 5 koloroj, po 100 . . . . . . aŭ. ŝ. 1.20

**Vidajkartojn** de Wien (10 diversaj kun E.-teksto) pri la plej belaj lokoj . . . . . . . . . . . aŭ. ŝ. 1.30

**Vidajkartojn** pri la plej belaj lokoj dum „Vojaĝo tra Aŭstrio“ (Salzburg, Ischl, Gmunden, Wels, Linz, Melk, Semmering, Rax-alpo, Graz, Baden, Pack, Klagenfurt, Spittal, Heiligenblut, Großglockner, Zell am See, 20 diversaj kun E.-teksto) aŭ. ŝ. 2.60 (jam riceveblaj en Salzburg je la komenco de la ekskurso A.).

**Albumon de Wien** kun detala priskriba teksto en Esperanto (24.5 je 16.5 cm) en bela kovraĵo kun proksimume 100 bildoj pri Wien en kupropreso . . . . . . . . aŭ. ŝ. 2.70

Afranko aparte por la albumo kaj la vidajkartoj.

**XVIII-a Int. Kongreso de Katolikaj Esperantistoj en B R N O** (4.—8. aŭg.).

La ĉi-jara Intern. Kongreso okazos en Brno kaj certe pro la senlaca klopodado de niaj ges-anoj en Brno fariĝos granda sukceso de nia E.-movado.

Grandioza programo! Vizito nepre rekomendinda! Informojn Aleš Berka, prez. de LKK, Brno, V. Jirchářich 8 kaj por Aŭstrio Leop. Chiba, Wien, 4. Schaumburgerg. 5. Respondafrankon!

**Post la katolika kongreso veturado al nia 28-a.**

**Al la alvoko por donaco Vidvino Kreuz:**

Laŭ la antaŭa listo . . . . . . ŝ 30.38
s-ino Jacob, Thonon . . . . . ŝ 16.38

**Samideano Lothar Steiner,** kiu — estante junulo — ege kunhelpis en la preparo de „Inaŭguro de Int. Esperanto-Muzeo“, doktoriĝis.

Kun plezuro mi informas miajn amikojn pri tio. Steiner.

**En la voĉdonado pri ŝanĝo de la statutoj koncerne translokiĝon de UEA de Genève al Londono jen la rezulto:**

**710 voĉdonis por la translokiĝo.**

**191 voĉdonis kontraŭ.**

**Jen esprimo de konfido al la decidoj de la Estraro de UEA!**

**Ni funebru!**

La 20-an de junio 1936 naskiĝis reskripto de la Politika Polic-komandanto SS Himmler, kiu postulas, ke ĉiuj organizaĵoj de artefaritaj lingvoj sin likvidu tuj kaj raportu ĝis 15. de julio sian likvidon. La ordono baziĝas sur par. 1 de la leĝo por la ŝirmo de popolo kaj ŝtato.

Inter la menciitaj likvidotaj organizoj estas: UEA, SAT, Occidental, Germana E.-Asocio, Nova Germana E.-Asocio, E.-klubo Amika Rondo en Berlin kaj Komerca E.-Unio en Dresden.

Nia profunda kunsento kun niaj germanaj amikoj, kiuj jam depost estiĝo de Esperanto estis pioniroj en nia movado.

**Inaŭguro de „Strato de Zamenhof“ en Thiers.** Dimanĉe la 10. majo oni inaŭguris, la 28-an fojon en Francujo, „Straton de Zamenhof“ en Thiers, malnova kaj diligenta urbo, kies loĝantaro volis per tiu manifestacio dokumenti sian esperon je la esp-ista movado kaj samtempe sian simpation al ĉiu formo de progreso.

Fraŭlino Zamenhof, la filino de la Majstro, akompanata de granda societo da kunvojaĝintaj Lyon-anoj, estis atendata de granda kaj entuziasma hom-amaso, kunveninta el ĉiuj centraj kaj sudaj regionoj de Francujo. Tagmeze festa bankedo unuigis la deputitarojn. Dum la ceremonio de inaŭguro M. LAROCHE, parlamenta deputito de Thiers, en sia unua parolado al siaj elektintoj, laŭdegis la idealismon de doktoro Zamenhof kaj proklamis sian neekskueblan fidon al la estonteco de Esperanto.

**Popolfesto en Wels.**

Popolfesto? Jes — sed tamen pli ol **nura** popolfesto! Restis nur la nomo, la entrepreno mem havas nun tute alian karakteron. Envere ĝi estas la plej grandstila agrikultura foiro eĉ de tuta Aŭstrio. El simpla popolfesto (la unua estis en 1878) ĝi evoluiĝis al la plej grava entrepreno de la laborega urbo Wels en Supra Aŭstrio (Vojaĝontoj „Tra Aŭstrio“ havos la okazon rigardi ĝin!).

Tiu ĉi vere vidinda kaj ampleksa Foiro allogas ĉiam kelkajn centmilojn da vizitantoj! Sur vasta ekspozicia tereno (250.000 m²) en grandioza parko la supraaŭstriaj kamparanaro, industrio kaj metiaro montras imponan abundon de produktaĵoj, maŝinoj kaj ilaroj. Speciale menciinda estas la unika ekspozicio de dom- kaj bredadbestoj. Fakte oni ne ofte havas la eblecon vidi en unu ekspozicio tiajn multajn, diversspecajn bestojn, kiajn Popolfesto en Wels prezentas al siaj vizitantoj. En grandaj haloj, sub libera aero, en multnombro da budoj estas sisteme ordigitaj la ekspozaĵoj.

Popolfesto en Wels okazas nunjare de 30. de aŭg. ĝis 6. de sept. kaj altiros kiel en la pasintaj jaroj la amasegon da vizitantoj, speciale nunjare, ĉar oni aranĝas krome specialan ekspozicion „La ĉevalo“ kaj tiun de sportartikloj. Krome okazos sportkonkursoj.

Abunde estas ankaŭ zorgate pri plej varia distriĝo kaj amuzo de la vizitantoj! Ilin priskribi ne estas eble en mallonga artikolo.

Sed venu, rigardu — kaj vi estos kontentaj!

La bela foir- kaj ĝardenurbo Wels kaj ties esperantistaro atendas vin!

En nia propagandilo (eldonkvan (50.000) ni la unuan fojon enpresi mallongan E.-tekston, montrante per nian rekonon pri la varbebleco de E.

Represo en la gazetaro petata! Ekzemplero bonvolu sendi al

Komitato de Welser Volksfest, Wels, Aŭstrio.

**Intern. Esperanto-Muzeo en Wien**
**I., Neue Burg**

**Librodonacoj venis:**

Norvega E.-Ligo, Oslo.
Walter Poppeck, Wüstegiersdorf.
Brazila E.-Ligo, Rio de Janeiro.
Budhana Ligo E., Hesswall.
Ediciones Argentinas, Buenos Aires.
J. Velebit, Zagreb.
Suda Kruceto, Willoughby, Aŭstralio.
IALA, Haag.
Prez. Rollet de l'Isle, Paris.
Ido-Vivo, Szombathely.
Literatura Mondo, Budapest.
Marie Erard, Wien.
Paul Neergaard, Kobenhavn.
Occidental-Club, Wien.
Pastro Joachim, Gimneken.

**Universala Esperanto-Asocio**
**Ĉefdelegiteco por Aŭstrio**
**Wien, I., Neue Burg.**

**Al UEA-Delegitoj kaj Vicdelegitoj.**

La nombro de la membroj, kiuj realiĝ por la nuna jaro, estas multe malpli ol po 1935. Tion ni povas kompreni: la malfrua apero de nur malgranda jarlibr suplemento kaj la malbona funkciado de oficejo en Ĝenevo dum longa periodo malkontentigis multajn s-anojn.

Sed la jarlibro por 1936 jam estas pr kaj ni promesas regulan kaj bonan fun ciadon de la oficejo en Londono. Sekve petas, ke vi streĉu ĉiujn viajn fortojn, s perdo de tempo, por varbi tiom da aktiv membroj, kiom vi povos dum la nu administra jaro. La kostoj, kiujn ni deva pagi pro la deviga du-monata restado en Ĝenevo rezulte de la svisa proceso esta tre altaj kaj preskaŭ certe malebligos ekvilibron de nia nunjara budĝeto. Tame tuja kaj forta laboro flanke de ĉiu Delegito kaj Vicdelegito multe helpos. Ni me dissendos cirkuleron dum la nuna semajn al ĉiu 1935-membro, kiu ĝis nun ne pagis la kotizon por 1936 kaj tiu eble helpos vi fari bonan rikolton.

Fine mi aldonu, ke, se vi intencas ĉeest la kongreson en Vieno, mi esperas renkont vin tie, kie ni povos diskuti pri la neces paŝoj por reviglig i nian universalan asocio

Kun plej samideanaj salutoj, sincere vi

Cecil C. Goldsmith, direktoro.

**La ĝenerala kunsido** de UEA okazos du 28. Univ. Kong. de E. en Wien, merkrede, la 12. de aŭg., je la 10 h.

**Nova delegito:** Rud. Mich. Frey, Wien III.

**Aŭstria Esperanto-Asocio**
Wien, I., Neue Burg (Tel. R-27-803).

**Karaj AEA-anoj!**

Ni havos dum la 28-a Kongreso de Esp en Wien, vendrede, la **14. de aŭg.**, nian **ĝeneralan kunvenon** kun la plej grav punkto de **novelektoj.**

Mi persone volis retiriĝi el la organiz vivo kaj nur labori en la Muzeo, sed la diversaj grupoj deziris, ke mi plue gvid la aferojn **speciale nun post la kongres** eluzante la bone preparitan grundon.

Al mia nun konsenta decido ankoraŭ [illegible]nis, ke mi ricevis de kelkaj eminentaj [illegible]nkoj oficialaj la certigon de daŭra sub-[illegible]no de miaj laboroj. Do „pro la vera [illegible]no“ de Esp. mi decidis proponi al vi [illegible]raj AEA-anoj mian kandidatecon.

Mi nun donas al vi proponon pri [illegible]velektoj:

Prez. kort. kons. Hugo Steiner.
Vicprez. sekcia ĉefo d-ro Uebelhör.
Vicprez. kalk. kons. Rud. Mich. Frey.
Kas. Ernst Werner.
Ĝen. sekr. Fervojkons. d-ro Höfer.
Sekr. universitatano Kreutel.
Gazetservo kaj propag. Rudolf Ulbrich.
Gazetservo por la eksterlando: d-ro Emil Pfeffer.
Sekcio por instruado: reg. kons. Fritz Stengel.
krome E. G. Bernfeld.
univers. Max R. Frey.

**Konsilantoj:**

Fakinstr. Hans Bauer, Stegersbach.
Prof. d-ro F. Christanell, Salzburg.
Nikolaus Hovorka, Wien.
Reg. kons. Kern, Krems.
Rol. Kühbacher, Innsbruck.
Otto Müller, Klagenfurt.
Will. Rogler, Schaflos b. Köflach.
Dir. Karl Wannek, Linz.

**Revizoroj:**

Karl Bartel, Graz.
Ĉefadmin. Franz Braun, Rodaun ĉe Wien.
Univers. Herbert Kail, Wien.
D-ro Karner, Innsbruck.

La **konsilantoj** ricevos la protokolojn de kunsidoj kaj antaŭ gravaj decidoj la [illegible]ormojn, por ke ili sendu **siajn konsenton** [illegible] **malkonsenton.**

Vasta **programo por la venonta labor-**[illegible]o:

1. **Grandstila propagando;** la subtenon de oficialaj rondoj havos nia **„oficiala“** [illegible]ganizo.
2. Aranĝo de **migrantaj ekspozicioj.**
3. Grandstila propagando pere de la [illegible]zetaro; La oficiala „Amtliche Nachrich-[illegible]dienst“ helpos nin en la dissendo al la [illegible]ersaj gazetoj, kiel ĝi tion jam nun faras.
4. **Migrantaj E.-instruistoj.**
5. Forsendo de niaj **gejunuloj ekster-**[illegible]den dum la ferioj interŝanĝe kun tiuj eksterlando.
6. Klopodos **re-enkonduki** E-on en kiel [illegible]e multajn **lernejojn** en Wien kaj en la [illegible]eraciaj landoj.
7. **Fondi** multajn **novajn grupojn kaj rondojn.**
8. **Eldoni** por multaj lokoj **malmultekoste gvidilojn.**
9. **Presigi vidajkartojn** por multaj lokoj en nia lando kun E.-teksto.
10. Donos al la membroj krom la **membrokarto,** per kiu la anoj estas ankaŭ simplaj membroj de **Univ. E.-Asocio** kun la koncernaj **avantaĝoj,** ankaŭ **4-paĝan presitan gazeton,** kiu ilin **helpos multe en la propagando.**
11. **Ĉie kaj ĉiam** montros al la administraroj ŝtataj kaj komunumaj, ke la **„oficiala“** organizo **en Aŭstrio AEA** multe helpas al la lando.
12. Klopodos havi ĉiaman lokon en la **Foiro** ktp. ktp.

**Sufiĉe vasta programo!** La nomoj de la proponita estraro certigas, ke ili klopodos plenumi ĝin!

Krome ni havas **proponon por la ĝeneralkunsido:**

Honorigi meritplenajn gesamideanojn per dediĉo de **„Arĝenta Honorpinglo“** laŭ la ekzemplo de Germana E.-Asocio. — Ni **preparis liston** de **honorigotaj** kaj **proponos ĝin al la ĝenerala kunveno por konsento!** Ni **honoru niajn pionirojn kaj propagandistojn,** ĉu maljunajn ĉu junajn! **Kaj vi AEA-anaro efektivigu ĉi tiun honorigon per via voĉo!**

**Aŭstria E.-Asocio** estas la **landa reprezentanto** de **Univ. E.-Asocio,** Londono kaj per tio **„oficiala“** landa organizo de **Aŭstrio. Ĝi reprezentas en Aŭstrio la E.-movadon** kaj pri tio ni **jus skribe informis ĉiujn oficialajn instancojn de nia registaro,** urbo Wien (oficejoj de la urbestroj), fremdulfrekventoficejoj, altlernejoj, popolaltlernejoj, Urania, policprezidanto, **gazetaro Viena** ktp. kaj ni **jam ricevis multajn konsentajn respondojn de ili!**

**Vi, grupoj kaj unuopaj esperantistoj de AEA** en iu urbo kaj loko de Aŭstrio estas same la **„oficialaj“** reprezentantoj de la E.-movado en Aŭstrio, ĉar vi apartenas al **AEA kaj UEA!** Se vi bezonas dokumenton pri tio, ni volonte skribos koncernan leteron al la instanco, kie vi deziras esti rekonata kiel **„oficiala“ reprezentanto!**

Ni **deziras** per tio nur **por ĉiam precizigi,** ke **Aŭstria E.-Asocio** estas **„la oficiala landa organizo“!**

Ni **ne deziras** luktadon kun grupo aŭ personoj, kiuj estas nuntempe ankoraŭ ekster „la organizo“ AEA/UEA. En la intereso de Esp. kunlaboru **kun ĉiu,** sed ĉiam estas **necese precizigi,** ke **Vi** estas la **reprezentanto de la „oficiala“ AEA!**

**Neniu estu ekster** la vicoj de la **„Landa Organizo“,** jarkotizo S 2.—, familianoj kaj senlaboruloj S 1.—, por kiu sumeto ili estas membroj de AEA/UEA, kun la avantaĝoj de ambaŭ, ricevos membrokarton kaj 4-paĝan presitan informilon, krome ili ĉiam havos la subtenon de AEA/UEA!

Laŭ la statutoj la regula membro havas voĉon en la ĝenerala kunsido. La grupoj havas po 1 voĉo por ĉiu membro, por kiu ĝi pagis la kotizon!

**Nur por 1936 pagintoj** havas voĉdonrajton!

Ni petas, ke ĉiu **grupo** estu reprezentota en la ĝenerala kunsido, kaj ke la reprezentanto kunportu la rajtigilon por voĉdonado, laŭorde subskribitan de la grupestro. **Unuopaj membroj,** ne apartenantaj al iu grupo, kiuj ne povos partopreni en la kunsido, **sendu** siajn rajtigilojn kun la koncernaj voĉdonada konsento aŭ malkonsento (speciale pri la elektoj) al la estraro, ĉar ni vere **deziras kaj petas, ke ĉiu nia membro estu konvinkata,** ke ni **nur deziras** labori **por Esperanto** kaj **daŭrigi la belan laboron,** kiun **faris ĝis nun** Aŭstria E.-Asocio,

rekonita de **ĉiuj oficialaj instancoj en Aŭstrio**

kaj de la **tutmonda Esperanto-movado,** kaj **dokumentu** ĉi tiun konvinkon **per sia voĉdonado!**

**Do al ankoraŭ pli bona estonteco de Esperanto en Aŭstrio! Per via helpo, ni atingos la celon!** Steiner, prez.

**Instruista Sekcio de Aŭstria E.-Asocio.**

Nepre necese estis starigi **„Instruistan sekcion“** en nia AEA kun la celo, aranĝi kursojn kaj gvidi ilin.

La instruisto-membroj de AEA estas aŭtomate membroj de „Instruista Sekcio“ sen pago de kotizo krom tiu al AEA/UEA kaj eliras la invito al **ĉiuj samideanoj en Aŭstrio,** kiuj estas:

a) **profesiaj instruistoj,** sciantaj E-on, ĉu kun ĉu sen E.-ekzameno,
b) **neprofesiaj** aŭ **kromprofesiaj instruantoj** de E., kun E.-ekzameno pri instrukapableco,
c) **neprofesiaj instruantoj** de E. sen ekzameno, sed kun spertoj pri kursoj,

kaj **ne ankoraŭ estas membroj de AEA,** ke ili aliĝu **en la grava intereso de nia Aŭstria E.-movado.**

Skribu al la referanto reg. kons. Fritz Stengel estrarano de AEA, Wien, I. Neue Burg (Int. E.-Muzeo).

Por Instruista Sekcio: Stengel.

**Rimarko:** Inter multaj alvenintaj alskribajoj jena: „Ricevinte instigon aliĝi al la instruista sekcio de AEA mi esprimas mian ĝojon pri la klopodo, kolekti la E.-instruistojn en speciala sekcio de AEA, kiu ja devas esti la landa organizo de Aŭstrio. Do mi aliĝas.

Kun samideana saluto d-ro Franz Christanell, Salzburg.

---

**Tirol.** La en la statutoj antaŭvidita „Landasocio Tirol" (Gauverband Tirol) jam komencis sian agadon kaj ellaboras nun la varbokaj kursprogramon por la aŭtuno. — 12 studentoj de unversitato Innsbruck, iamaj lernantoj de prof. Christanell-Salzburg, fondos Akademian E.-grupon, ekagontan komence de l' vintra semestro. — Per disdonado de E.-ŝlosiloj la intereso por E. estis vekita en la vasta rondo de la studentaro en Innsbruck, kaj ni povas esperi bonan frekventon de la studentaro en venontaj kursoj. — La propagandaj biciklantoj daŭrigis siajn varbveturojn kaj finis ilin per bela renkontiĝo en Schwaz (pli ol 50 personoj). Grandan parton en tiuj sukcesoj havas nia nederlanda s-ano F. W. Buenting, kiu en aŭtuno revenos al Tirol por daŭrigi sian agadon kiel Cseh-instruisto. La E.-semo, de li semita, kreskas kaj prosperas.

Reprezentanto por Tirol, d-ro Karner.

Ni dankas al nia d-ro Karner, nova esperantisto sed vere vigla kaj konscia, kiu fondis „Landan Asocion Tirol" kaj diversajn grupojn; sed nia danko estu direktata ankaŭ al s-ano Buenting, kiu malavare kaj vere Zamenhofe jam dum du sezonoj sin dediĉis al la instruado de E. en Tirolo. AEA: Steiner.

**Novaj grupoj**, kore salutataj en la kadro de AEA!

**Hall i. T.**
**Kufstein**
**Lend**, tablorondo
**Schwaz**
**Steinakirchen**, N. Oe.
**Telfs**
**Wattens**, tablorondo
**Wörgl**

---

**Modela laboro!**

Lernejkons. **F. Schöpfer** en Voitsberg, ŝtate **ekzam.** E.-instruisto, laŭ permeso de Ministerio por Instruado (dekreto 37979/2/9) faris kurson en la lernejo de sia loko. La bone sukcesinta kurso finiĝis en ĉeesto de la lernejdirektoro **grafo Strachwitz** kaj la estro de loka grupo Graz **Will. Rogler**, ŝtate ekzam. E.-instr., kiel kunjuĝanto kun solenajo. La lernintoj ricevis vojaĝgvidilojn, la direktoro aĉetinte E.-insignojn, disdonis ilin senpage, E.-Soc. por Stirio donacis vortaretojn. — Nia danko al grafo Strachwitz pro lia helpo (ne tro ofte okazanta flanke de la direktoroj!), al la senlaca oferpreta s-ano Schöpfer, kaj grupo Graz kaj ties prez. Rogler. — La infanoj ricevis **notojn en siajn lernejatestojn!**

**Aigen i. M.**, O. Oe. S-ro Johann Stadlbauer gvidas kurson.

**Renkonto en Friesach.** Niaj s-anoj el Klagenfurt kaj Knittelfeld havis la 24. de junio renkontiĝo en la historie interesa Friesach. 50 gesamideanoj dum kelkaj horoj tie kulturis veran samideanecon. Imitinde por ĉiuj niaj lokoj en Aŭstrio por la aŭtuno. Kärntner Tagblatt raportis pri ĝi.

**Krems.** La grupkunvenoj estas bone vizitataj ĉiun mardon en Piaristen-Konvikt.

**„Kremser Zeitung"** en Krems ĉe Danubo publikigis en sia numero de 4a de junio en germana traduko la ĉefartikolon el la aprila numero de nia gazeto, **„Danuba Federacio"** de Coudenhove Kalergi; ni dankas al la tradukinto sam. reg. kons. Kern.

**Lend.** Nia vigla s-ano L. Laukes nun anoncis por AEA 7 novajn membrojn. Rondo fondota.

**Steinakirchen.** Rondo de AEA fondiĝis sub la gvidado de ges. Hans Zant. Koran gratulon.

**Vöcklabruck.** Libera rondo sub gvidado de nia vigla s-anino Brünne Fohler fervore laboras kaj propagandas. Ili skribis, ke ili forte subtenos nin en nia laboro.

**Voitsberg.** „Altŝatata prezidanto! Ni sciigas vin, ke hodiaŭ fermiĝis la tiea E.-kurso. La subskribintoj sendas al la kuraĝa gvindanto de la aŭstria Esperantistaro sincerajn salutojn." Sekvas la subskriboj, unuavice de la kursgvid. lernejkons. F. Schöpfer kaj de prez. de E.-Asocio por Stirio s-ano W. Rogler.

Mi kore dankas kaj scias, ke inter la fidelaj s-anoj sub mia gvidado ĉiam unuavice estis la Stirianoj! Steiner.

**E.-Klubo, Wien.** Dum junio ekskurso, bone frekventita, al Mödling—Anninger; gvidado tra Wien kun E.-klarigoj kaj sama ankaŭ en julio. — Niaj kunvenoj en Wiener Molkerei, ĉiun mardon de la 18 h 30 ĝis 22 h estas tre bone vizitataj. Parolis kiel gastoj s-ro d-ro Szilagyi, s-ro Newell kaj edzino el Chartoum en Sudano, f-ino Juli Toyoda el Tokio.

---

**An unsere österreichischen Esperantisten!**

Bei den schweren wirtschaftlichen Zeiten ist es vielen samideanoj nicht möglich, den Kongreßbeitrag zu bezahlen, und anderen wieder ist es nur möglich, teilweise am Kongreß teilzunehmen, besonders auswärts Wohnenden!

Unser Weltkongreß soll aber vor allem jenen die Möglichkeit geben, am Kongresse teilzunehmen, die im Lande leben!

Es handelt sich um Arbeitslose, um samideanoj mit geringen Gehalten und Pensionen, um Eltern kinderreicher Familien — auch sie sollen die Möglchkeit haben, am Kongresse teilzunehmen, denn gerade unter diesen samideanoj habe ich viele wertvolle Mitarbeiter der Esperantosache kennen und schätzen gelernt.

Unser Ausschuß hat bereits im September 1935 in einer Sitzung ausführlich über diese Frage gesprochen und auch an die Esperanto-Weltorganisation einen diesbezüglichen Antrag gemacht.

Der Kongreß wird von einem Komit[ee] des Oesterreichischen Esperanto-Bundes, d[er] offiziellen Vertretung der Esperantointeress[en] in Oesterreich, im Auftrag der Esperanto-Weltorganisation, veranstaltet.

Auf Begünstigungen — wenn solche über[haupt] haupt gewährt werden — haben daher nu[r] Personen, die der offiziellen Landesorgani[sation] sation angehören, ein gewisses Anrecht.

Wir wollen aber auch jene, die no[ch] außerhalb der „offiziellen" Landesorgani[sation] sation Oesterreichischer Esperanto-Bund stehen, nicht von diesem Feste der Esperan[tistenschaft] tistenschaft ausgeschlossen wissen — dies[er] Entschluß kommt einzig und allein aus de[m] Schoße des Kongreßausschusses und dam[it] gewissermaßen aus dem der Leitung de[s] Bundes — und laden alle ein, an unsere[m] Feste teilzunehmen:

a) Arbeitslose, samideanoj mit gering[en] Gehalten und Pensionen, Eltern kind[er]reicher Familien erhalten folgen[de] Teilnahmemöglichkeiten:
1. Eröffnung in der Hofburg (8. Augu[st]) und Theaterkarte „Weißes Röss[l]" (9. August, soweit der Vorrat reic[ht]) für zusammen S 6.—; Eröffnu[ng] allein S 3.—, Theater allein S 4.— (Sitzplatz).
2. Teilnahme an den Sitzungen und de[r] Sommeruniversität vom 10. bis ein[]schließlich 14. August, S 3.—.
3. Ball in der Burg in Nationa[l]kostümen (Wäschermädel, Dirndl, Lederhose), am 14. August; hiezu kommt noch feierliche Schlußsitzung am 15. August, S 4.—.

b) Andere samideanoj, die in besseren Verhältnissen sind und nur Teile mit machen können, zahlen für 1. S 11.—, 2. S 5.—, 3. S 10.—.

Wir bitten, sich baldigst anzumelden, damit noch eine Zuweisung von Theaterkarten erfolgen kann.

Künstlerisches Abzeichen des Kongresses S 1.— für b), S —.60 für a).

Die Gruppen und Einzelpersonen werden im Interesse der samideanoj gebeten, dies i[m] weitesten Kreisen bekanntzugeben.

Der Ausschuß und damit der Oesterreichische Esperanto-Bund laden Sie herzlichst ein!

Für den Ausschuß und AEA:
Steiner, Dr. Uebelhör.

---




Eigentümer, Herausgeber und verantwortlicher Redakteur: Hofrat Hugo Steiner, Bisamberg, Bundesstraße 154. Druck: Buch-, Kunst- und Zeitungsdruckerei „Albrecht Dürer", Wien, VII., Bandgasse 28.